# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 21/06/2018 Tricentsepdeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

## Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *
*PMEGramatilko* Uzindaj ligoj Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon.

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,750,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,360,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Ekstudis pli ol 385,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Ekstudis pli ol 4,400 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# KIEL ENMOVADIGI LA ESPERANTO-LERNANTOJN DE DUOLINGVO?

Pli ol 1,7 milionoj da homoj eklernis Esperanton per Duolingo. Sed kie estas tiuj lernantoj?

Multaj el ili eble rezignas pri la lernado pro multaj kauzoj, interalie, ĉar ili ne sukcesis starigi personan kontakton kaj amikecan rilaton kun esperantistoj en siaj loĝurboj.

http://db.uea.org/bildoj/gk/duolingo.png

Pro tio UEA farighis partnero de Duolingvo. UEA helpos trovi evento-gastigantojn, kiuj jam bone konas Esperanton, kaj Duolingo prizorgos invitojn al tiaj lokaj eventoj por lernantoj, kiuj iom progresis en la Esperanto-kurso.

Gastigantoj estas volontuloj, kiuj organizas interesajn, agrablajn eventojn, kie Esperanto-lernantoj de ĉiuj niveloj lernas kaj amuziĝas kune. La eventoj povas esti diversspecaj, ekzemple babiladaj rondoj, studgrupoj, ludaj aŭ muzikaj renkontiĝoj en via loka klubo aŭ kafejoj, aŭ promenadoj en urboj aŭ en naturo.

Ni jam komencis traduki la evento-retejon de Duolingo al Esperanto, por ke ĉiuj esperantistoj

povu gastigi eventojn, diskonigi ilin per Duolingo kaj akcepti novajn lernantojn. En ĉi tiu unua, prova fazo ni precipe serĉas volontulojn, kiuj krom Esperanto regas la anglan aŭ la hispanan, la du nunajn kurslingvojn.

Se allogas vin la ideo organizi eventojn kaj gastigi novajn Esperanto-lernantojn per Duolingo, bonvolu kontakti Emilio Cid cid.emilio@gmail.com.

Informis AE-on *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 33 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Sed post la ĝustaĵoj en PAG menciitaj en la antaŭa N.ro 32, ĝi strange kaj neĝuste diras, ke estas pardoneblaj la malĝustaj uzoj de KAJ la medialo KAJ la refleksivo, en ekz. "li turniĝis" (= li turnis sin), "li okupiĝas pri" (= li okupas sin pri); "tie sin trovas (= troviĝas) multaj birdoj"; "la tero turnas sin (= turniĝas) ĉirkaŭ la suno".




Kaj fine PAG donas utilajn konsilojn en: 1e. "Oni ne uzu la medialan voĉon anstataŭ la pasivo, kiam aganto devas esti subkomprenata; oni do ne diru 'li laŭdiĝas', ĉar AŬ li laŭdas sin (vole) AŬ li estas laŭdata (= laŭdatas) de iu. Same malĝuste (=malĝusta) estas 'la letero skribiĝas', la bildo pentriĝas, ktp. Kelkfoje tamen estas uzata tia formo por esprimi nuancon: 'la libro legiĝas facile', tiel facile ke ĝi kvazaŭ legas sin mem kaj la leganto devas nur rigardi.'. Kaj 2e. 'ke oni ne uzu pasivon anstataŭ mediala voĉo, kiam aganto ne povas esti subkomprenata: la ŝtono ruliĝas sur la deklivo malsupren ('estas rulata' subkomprenigus, ke iu rulas ĝin). *Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se klubo ne sendas informon al AE, tiu novaĵo ne povas aperi en AE***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 16a de Junio estis la tria sabato.

**Venis la kutimaj kvin esperantistoj. Roger, Chris, John, Eunice kaj Ian**

Tre amikema Esperanta grupo. *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# K i o p r i v i a j ĝ a r d e n o j ?



**SOLAJ KAJ KOMBINITAJ TEMPOJ .**

La eŭroplingvanoj, pro siaj gepatraj lingvoj, regule mistradukas participojn el siaj lingvoj al Esperanto. Se morgaŭvespere ni manĝos (= la kompleta ago pro "-os") la kokinaĵon, ĝi



morgaŭvespere manĝatos (= la kompleta ago pro "-os"). Se nun ni manĝas (= la ago el komenco ĝis fino, pro "-as"), la kokinaĵon, ĝi nun manĝatas (ĝis la fino, pro "-as"). Se hieraŭvespere ni manĝis (= la tuta ago, ĝis fino, pro "-is"), la kokinaĵon, ĝi hieraŭvespere manĝatis (ĝis la fino, pro "-is"). Se ni iam manĝus (komplete, pro "-us") la kokinaĵon, la kokinaĵo tiam de ni manĝatus (komplete, pro "-us"). Se iam ni manĝu (komplete, pro "-u") la kokinaĵon, ĝi tiam manĝatu (komplete, pro "-u") de ni. Se iam ni volas la kokinaĵon manĝi (= komplete, pro "-i"), ĝi tiam devas de ni manĝati (= kompleta ago de komenco ĝis fino, pro "-i").

S e d : Se ni morgaŭ je la dua horo "estos manĝantaj", (tio signifas "duonvoje la nefiniĝintan manĝadon"), la kokinaĵo morgaŭ je la dua "estos manĝata", sed ankoraŭ ne finiĝonta kaj eble tute ne finiĝonta. Se nun ni "estas manĝantaj la kokinaĵon, la manĝado ne "estas finiĝinta" kaj la kokinaĵo ne finmanĝatis, ĉar ĝi nun "estas manĝata". Kaj hieraŭvespere je la sepa horo "Ni estis manĝantaj la kokinaĵon ĉar la manĝado interrompatis kaj ne finiĝis, kaj la kokinaĵo ne komplete manĝatis, ĉar ĝi estis manĝata.



Se ni ne volas uzi la formojn "manĝanta" kaj "manĝata", ĉar ili signifas ne la tutan agon, sed nur parton ĝis duonvoje, ni povas diri "Ni hodiaŭ estas manĝintaj la kokinaĵon hieraŭvespere, kaj la kokinaĵo estas hodiaŭ manĝita hieraŭvespere",kion preskaŭ ĉiam diras la eŭropanoj en siaj lingvoj *("We (now) have eaten the chicken three hours ago"*, kaj *"A ce moment-ci' nous l'avons mange' il'y a trois heŭres"*, kaj *"The chicken has (now) been eaten three hours ago")*. Ĉi tiuj formoj nomiĝas la (Pasinta) Perfekta Tempo, kvankam ili en Esperanto, pro Zamenhof, ne estas verboj sed adjektivoj kaj tial, same kiel la Imperfekta Tempo, en Esperanto ne apartenas al la verbsistemo. Tamen la eŭropanoj uzas ilin en Esperanto kvazaŭ ili estas verboj. Ili ne estas, ĉar ili estas adjektivaj Predikativoj kun la verbo "esti", dum la eŭropaj formoj estas verbaj participoj kun la helpverbo "havi".

Esperanto havas ankaŭ Futuran Perfekton kun –onta kaj –ota, simila al la Pasinta Perfekto kun -inta kaj –ita. Ankaŭ ili estas ne verboj sed Predikativaj Adjektivoj, sed utilaj kvankam malofte uzataj. La eŭropaj lingvoj, laŭ mia scio, tian Futuran Perfekton ne havas kaj uzas la simplan Futuron anstataŭe. Jen ekzemploj: "Ni estas manĝontaj (= Ni manĝos) la kokinaĵon" kaj "La kokinaĵo estas manĝota (= manĝatos) morgaŭ".

Speciala problemo por la eŭroplingvanoj estas la Perfekta Tempo en iliaj lingvoj, ne ĉar ĝi ne tradukeblus en Esperanton, per la sufiksoj –inta kaj –ita plus la helpverbo "esti", , sed ilia problemo estas, ke ili ne konscias ke ili uzas la Perfektan Tempon ofte por esprimi la Preteriton, la simplan Pasintan Tempon. Ili do tendencas erare traduki la etnan Perfektan Tempon al la Esperanta Perfekta Tempo "estas –ita", dum la senco estas Preterita, "-is". Se ili scius, ke ilia Perfekto ofte havas Preteritan signifon, ili ĝuste uzus en Esperanto la simplan Preteriton "-is". La tiomo de la uzado ante la Perfektan Tempon anstataŭ la Preterito en la eŭropaj lingvoj estas malsama por la diversaj eŭropaj lingvoj: la franca tute ne plu uzas la Preteriton en la ĉiutaga lingvo, dum la angla plu uzas ĝin pli ol la aliaj ĝermanaj lingvoj.

Por fari ĝin pli internacia kaj simpla, estas konsilinda en Esperanto tre malofte uzi kompleksajn tempojn. Tio signifas, uzi nur unu verbon en ĉiuj voĉoj, do nur la simplajn verbojn finiĝantajn per nur –as, -is, -os, -u, -us, kaj –i. Tio sufiĉas por esprimi ĉiujn temprilatojn, se oni uzas adverbojn kaj subjunkciojn por indiki la rilatojn inter unutempa ago kaj alitempa ago. La komplika kaj kelkfoje mallogika eŭropa verbsistemo neniel bezoniĝas. Uzu antaŭ ol, post ol, dum, jam, samtempe kiel, Uzu la Esperantajn participojn malofte kiel predikativojn, sed pli ofte kiel adjektivajn epitetojn kun substantivoj. Uzu ankaŭ participajn adverbojn, precipe en la skribata lingvo. Plene uzu infinitivojn, precipe kiel subjektojn kaj objektojn, kaj post prepozicioj, kaj pli ofte ol en etnaj lingvoj. Uzu nur unu vorton por la pasiva voĉo: la kokinaĵo manĝatos morgaŭ; la aŭto purigatis hodiaŭ matene; animaloj traktatu humane; se vi tiratus en la kaĝon vi mortigatus de la tigro. Memoru ke "Mi vidis ke li estis murdita" signifas NE ke mi vidis la murdon, sed nur la kadavron, post la murdo, pro la du pasintaj tempoj –is kaj –ita. Atentu ke ne malofte la infinitivo devas esti en la pasiva voĉo: "Tiu kokinaĵo devos manĝati hodiaŭ por ne forĵetati morgaŭ". Ne uzante kompleksajn verbkombinaĵojn, vi pliklarigas la lingvon por neeŭropanoj, kaj tamen kapablos esprimi ĉion kion vi volas. *Marcel Leereveld.*

**RESPONDE AL DONALD.**

Mi dankas Donald pro la listo de ekzemploj de "returne" (por "retroe") de Zamenhof. Ĝi estas multflanka kaj impresa, ĝis oni konscias, ke la vorto "returne" estigas la saman problemon kiel "reveni" kontraŭ "retroveni", ĉar la vortoj returni kaj returne estas transitivaj kaj konsistas el du radikoj "re" = ripeto kaj "turni" =movi objekton ĉirkaŭ ĝia akso" (PIV), malsame al la angla vorto "*return*" kiu en si mem estas radiko kaj signifas "retroven(ig)i. Se "re" signifas la ripeton, "returni signifas "ree turni ion, ekz. bakaĵon, duan aŭ trian fojon". La angla lingvo tre bone diferencigas tion: "Ni (el nia hejmo) iris promenadi en la parko, kaj post dek minutoj ni turniĝis retroen, *"we turned back",* por retroveni hejmen,"*to return home*" ĝustotempe por la manĝo. Alivorte: "Ni retroturniĝis por retroveni hejmen, *we turned back to come back home = to return home.* Ni neniam returnis nek iris returne ĉar ni turniĝis dum la promenado nur unu fojon. Kaj ni ne revenis hejmen, ĉar ni tiun tagon venis al la hejmo nur unu fojon.

Do malgraŭ la helpo de Donald mi tamen ne povas uzi la Zamenhof'an "returne" por "retroe", por resti logika kaj senesceptema. Kompreneble Zamenhof kopiis eŭropajn lingvaĵojn. Cetere li nur malofte uzis, , kie necesis, medialan "returniĝi" kaj "returniĝe" Se al mi ne gravus esti mallogika, mi preferus uzi "returne", pro gusto kaj pro mia eŭropeco. Cetere en sia "Lingvaj Respondoj" Zamenhof diris pli ol dek fojojn ke Esperanto devas esti logika, kaj nur unu fojon ke Esperanto devas ne esti logika.

*Marcel Leereveld.*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 17an de Junio sep homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj faris paroligajn ekzercojn kun la plej novaj Esperantistoj.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 18an de Junio kvin homoj venis por kunveni ĉe Ross House. Ni laboris por forpaki nian bibliotekon ĉar Ross House konstruos novan banĉambron kie ĝi antaŭe estis. Ni ankaŭ faris kvizon poreparitan de Marcel.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 24an de Junio je 15:00-17:00

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 25an de Junio je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1162 Instagram – 164

Facebook – 386 Telegram – 19

Twitter – 392

*Joanne Johns*






. *Peter Danzer*






## Nova versio de PMEG lanĉita

movado

Ĵus publikiĝis nova versio de PMEG - la Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko.

La nova versio havas la numeron 15.0.2. Ĝi estas plua ŝtupo cele al dua eldono kiel papera libro. La aŭtoro, Bertil Wennergren, faris ankoraŭ multajn korektojn, kompletigojn kaj ĝisdatigojn, sed plu restas multo por fari. PMEG 15.0.2 haveblas ankaŭ en elŝutebla formo kiel HTML kaj kiel PDF. http://bertilow.com/pmeg/ Vidu bildon de la verko en la PDF.

## Ĉu vi volas la disvastigon de Esperanto en la Meza Oriento kaj Norda Afriko?

Temas pri problema regiono, en kiu estas malpacoj diversspecaj, kaj tie Esperanto kaj justaj internaciaj rilatoj per Esperanto povus helpi pli ol en aliaj mondopartoj.
En la lasta jardeko ni atingis kelkajn rezultojn (vidu la paĝaron www.esperanto.net/ar/ , la serion de niaj Mezorientaj Kunvenoj, la lernolibron en la araba, ktp.) sed la situacio de la parolantoj de Esperanto en tiu regiono restas tre malforta laŭ la nombro de la parolantoj.
Bonvolu legi la paĝon https://uea.org/vikio/Labor-Programo_De_La_Komisiono_MONA

Ni volas daŭrigi nian retan anoncadon en tiu regiono kaj ni volas venigi junajn homojn el tiu regiono al internaciaj Esperanto-aranĝoj. UEA starigis la Fondaĵon MONA kaj nun ni bezonas helpon de unuopaj esperantistoj, kiuj pensas, ke ni semu kaj semu konstante. Sendu vian esencan eĉ se malgrandan kontribuon al la konto "arabio" ĉe UEA. Pagmanieroj en http://www.uea.org/alighoj/pagmanieroj . Indiku "por arabio".

Renato Corsetti Amike, *Katja Steele*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 14 En kiu mi dungatas de la registaro dua ero



Mi do laboris por la dana registaro, tiu, kiu ne agnoskis Esperanton. Mi laboris du noktojn kaj liberis du noktojn. Tio donis al mi multe da libertempo, kaj mi laboris daŭre por la eksmarsoldatoficiro dum miaj liberaj tagoj, kaj enspezis multe da mono, per kiu mi aĉetis tute novan kaj modernan domon. Bedaŭrinde ne en Kopenhago, sed en "Frederikssund", 40 kilometrojn okcidente de Kopenhago. Mi iris tien kaj reen per vagonaro, kaj vivis entute tre aristokrate. En la mateno, kiam mi iris hejmen, mi mane salutis al Audrey, kiu sidis en alia vagonaro el Frederikssund, ŝi iris labori en "Ballerup", urbo dudek kilometrojn oriente de Frederikssund. Mi iris hejmen, vekis la infanojn kaj sendis ilin al la lernejo. Tiam mi enlitiĝis, dormis, ellitiĝis, duŝis min, revenis la infanoj, mi foriris al la stacidomo, ktp. ktp. ktp.

Audrey laboris en la fabriko "Toms". Tiu estas ĉokoladfabriko. Ĝi faras verŝajne la plej bonan ĉokoladon en Eŭropo. Diris ŝi al mi, ke ĉiun matenon venas unu el la noktogardistoj al sia edzino, bulgarino. Li donas al ŝi slipon kun instrukcioj en Esperanto pri tio, kion ŝi devas fari, ĉar ŝi komprenas nur la bulgaran kaj Esperanton. Aŭdinte la noktogardiston de la fabriko, Audrey alparolis ilin ambaŭ. Ili tre surpriziĝis ke anglino alparolas ilin en Esperanto. Sed tia estas la vivo, plena de surprizoj. La du aliaj esperantistoj loĝis en urbo du aŭ tri staciojn for de Frederikssund, kaj ni komencis viziti unu la aliajn !

*Daŭrigota* *BobFelby*





# 3ZZZ .....

La elsendo de la 18a de junio 2018 prezentas al vi interesan intervjuon al Carlos Spinola pri la projekto Casini- Huygens , amuzan informon de Matt pri kato kaj demandojn pri songôj - ĉu kun koloroj, odoroj?



Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*



